# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

Belglando . . . Fr. 4.— (Sm. 1.60)
Eksterlando . . Fr. 5.— (Sm. 2.—)
Unu numero . . Fr. 0.40 (Sm. 0.16)

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio kio koncernas la redakcion (artikoloj. ĉiuspecaj informoj.jurnaloj,broŝuroj,libroj) : S-ro Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat, Antwerpen (Rue de l'Aigle, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj,monsendoj, k. t. p.) S-ro Fr. Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# La tria belga esperantista kongreso

## (Charleroi, 4-5 junio 1911)

La kongreso de Charleroi estis tute inda je la du antaŭaj neforgeseblaj jarkunvenoj de la belga esperantistaro.

Ĝi estis nova elmontro de la esperantista vivo en Belgujo ; ĝi vidigis unu fojon plie la perfektan uzeblecon de nia bela lingvo ; ĝi estis vera festo de samideana frateco kaj de amika interkonatiĝo ; ĝi havis grandan influon sur la publikan opinion en la urbo kaj en la tuta regiono de Charleroi.

Kiel okazis en Verviers kaj Brugo, la tria belga kongreso distingiĝis per oficiala karaktero, kaj per la malkaŝa aprobo donita al nia movado de la loka urbestraro.

Ĉiuj partoprenintoj en la Karloreĝa kongreso konservos pri ĝi plej agrablan rememoron, ili ĉerpos el ĝi novan kuraĝon por daŭrigi la propagandon kaj novan konfidon en la sukceso de nia alcela entrepreno.

* * *

De sabato la 3a multaj samideanoj jam estis alvenintaj en la kongresa urbo, kie ili travivis tre agrablan vesperon kun la Karloreĝaj amikoj, kiuj estis rezervintaj al ili tutkoran

ntiman akcepton en sia grupa sidejo « Café du Luxembourg », flagornamita per la verdstelita esperantista standardo.

Dimanĉon matene okazis katolika Diservo en la kapelo de la S-ta Virgulino de l'Remparo, Bulvardo Audent. La meso estis dirata de nia bona amiko, Pastro A. Richardson, vicprezidanto de la Belga Ligo Esperantista, kiu eldiris mallongan predikon pri la Pentekosta tago kaj ĝiaj rilatoj kun la intima ideo de Esperanto.

* * *

Je la 10 1/2 a la kongresanoj estas akceptataj en la Karloreĝa urbhotelo de S-ro E. Devreux, urbestro ; S-roj Dewandre kaj Rosart, skabenoj, kaj de S-roj Duquesne, Falouny, Dujardin, Roullier, Pélissier kaj Masquelier, urbaj konsilantoj.

S-ro **Delvaux**, prezidanto de la Karloreĝa grupo, prezentas la kongresanojn al la urbaj aŭtoritatuloj, post kio

S-ro **Devreux**, urbestro, eldiras tutkoran bonvenon. Mi « estas feliĉa » li diras, « akcepti ĉi tie la belgajn esperant- » istojn, certigi al ili mian simpation al ilia nobla celo, pro- » mesi al ili mian sinceran aprobon kaj esprimi miajn plej » sincerajn bondezirojn por la triumfo de Esperanto. »

S-ro **Van der Biest-Andelhof** dankas la Karloreĝan urbestraron pro ĝia simpatia akcepto, speciale S-ron Devreux, kiu tiel varme interesiĝas je nia movado. Li laŭde parolas pri la fervora agemeco de la Karloreĝaj esperantistoj, inter kiuj li citas speciale S-ron Delvaux, ĝia lerta kaj klera prezidanto. S-ro Van der Biest finas, esprimante al la urbo Charleroi siajn tutkorajn bondezirojn pri feliĉo kaj prosperado.

Intertempe, la ĉampanvino ŝaŭmas en la pokaloj. . . .

* * *

Tuj post la oficiala akcepto, la esperantistoj kunvenas en la Komerca Borso, kiun la Urbestraro afable permesis disponi.

S-ro **Van der Biest-Andelhof**, prezidanto, malfermas la kunsidon je la 11a, kaj elparolas la kunvenintaron jene :

*Karaj Gesinjoroj,*

Mi estas feliĉa prezidi hodiaŭ la 3an belgan esperantistan kongreson, kaj saluti vin en Charleroi, kie multe da gesamideanoj ageme laboras por sukcesigi nian komunan entreprenon kaj preparis al ni plej koran akcepton, pro kiu mi, en la nomo de vi ĉiuj, prezentas al ili plej sinceran dankon.

La alproksimiĝanta mondkongreso, post nelonge okazonta en Antverpeno, kaj la sciigo, ke la esperantistoj vizitos Charleroi okaze de la postkongresa ekskurso, eble ne kondukis al la urbo de nia tria tiom de anoj kiom estus esperinde ; tamen la nombro de la aliĝintoj superas 150, kaj tiu partopreno — en la nunaj cirkonstancoj — estas ne nur kontentiga, sed tute ĝojiga.

La granda okazontaĵo de la jaro estos la 7a universala kongreso, kiu kunigos la tutmondan esperantistaron en Antverpeno, de la 20a ĝis la 27a de aŭgusto. La sukceso de tiu kongreso ne plu estas pridubebla ; jam 900 gesamideanoj el 26 diversaj landoj aliĝis, kaj certe tiu nombro duobligos.

La kongresaj kunsidoj estos la plej gravaj el ĉiuj ĝis nun okazintaj;oni povas esperi ke ili fiksos la esperantistan movadon sur firmajn fundamentojn,donante al ĝi internacian konsilantaron kun oficiala karaktero, al kies kunmetado la tuta esperantistaro kunlaboros, kaj al kiu ĝi povos sin turni por prezenti dezirojn kaj proponojn.

Kiel antaŭe, diversaj fakaj kunvenoj estos organizataj, ankaŭ tre interesa ekspozicio. La Urbestraro de Antverpeno finance kaj morale subtenas la kongreson, kiu cetere estas tre simpatia al la loka gazetaro kaj al la tuta Antverpena enloĝantaro.

Superbelaj estos la festoj kaj akceptoj, kiuj estos kronataj de sestaga ekskurso tra Belgujo.

Mi havas la konvinkon, ke la impreso, kiun naskos la kongreso, estos grandega. Nia lando intuitive sciiĝos, kio estas Esperanto, kiom granda estas ĝia praktika taŭgeco, kaj konkludos, ke ĝi nepre prezentas la definitivan solvon de la problemo de la internacia lingvo.

La kongreso malfermigos la okulojn de la skeptikuloj ; ĝi estos por ni ĉiuj potenca stimulilo kaj entuziasmilo, kaj ĝi konfuzigos niajn kontraŭulojn.

Tiam estos la momento por profiti el nia triumfo ; ni faros novan, nelaĉigeblan propagandon por plivivigi, plifirmigi, pli densigi la ekzistantajn organismojn kaj fondi multajn novajn grupojn. De nun, Estimataj Gesamideanoj, preparu vin por la venonta agado, kiu postulos la sindonan kunlaboradon de ĉiuj.

D-ro Zamenhof, la glorinda elpensinta de Esperanto, skribis al nia kongreso jene :

*Varsovio, 1. VI-1910.*

*Al la 3a Belga Esperantista Kongreso mi sendas mian koran saluton. Sinceran gajecon al via frata festo, plej bonan sukceson al niaj laboroj.*

*Via*

**L.L. Zamenhof**

*(Aplaŭdoj. Vivu Zamenhof ! ! !)*

En via nomo, Gesinjoroj, mi tutkore dankas nian karan Majstron, kaj mi proponas ke ni sendu al li telegrafan respondon.

Esprimante la deziron, ke la tria belga esperantista kongreso estu efika kaj fruktodona por nia movado, speciale en nia lando, mi malfermas la kunsidon *(Longaj aklamoj).*

La kongreso ricevis multajn simpatiajn telegramojn kaj leterojn, i. a. de la kongresoj brita kaj germana, okazantaj samtage en Southport kaj Lübeck, de la klubo esperantista en Kolosvar (Hungarujo), de S-roj Generalo Sebert kaj Carlo Bourlet (Parizo), Durieux (Lille), Witteryck (Brugo), Swagers (Antverpeno), Lamberts (Bruselo), D-ro Dupont (Beyne-Heusay), k.c.

S-ro **L. Champy**, ĝenerala sekretario, prezentas la raporton pri la esperantista movado en Belgujo dum la jarperiodo 1910-1911:

*Altestimataj Gesinjoroj,*

Kiel la antaŭaj jaroj mi havas la honoron raporti pri la agadoj de la Ligo dum la ĵus finiĝinta jarperiodo kaj samtempe sciigi vin pri la nuna stato de la esperantista movado en nia lando.

La direktanta komitato de la Ligo daŭrigis sian propagandan agadon, kaj kuraĝigis, laŭ siaj rimedoj, la aliĝintajn grupojn.

Inter la diversaj akiritaj rezultatoj mi rememoras la organizadon de la monata bulteno de la Ligo, celanta informi regule la gazetaron pri la ĉefaj esperantistaj okazintaĵoj. Jam tri numeroj de la bulteno aperis kaj naskis efikajn rezultatojn ; tiuj rezultatoj certe pligraviĝos okaze de la 7a internacia kongreso.

La jaraj raportoj de la plimulto el la aliĝintaj grupoj vidigas ke la esperantista movado konstante progresadas. En diversaj partoj el la lando naskiĝis novaj esperantistaj centroj, kiuj iom post iom enkondukas niajn ideojn inter la publikon, kaj donas laŭdindajn pruvojn de agemeco kaj iniciativo.

Okaze de la Brusela ekspozicio, la Ligo organizis serion da paroladoj en la lingvoj franca, flandra, germana kaj angla. Ne nur niaj samlandanoj klopodis por sukcesigi tiun propagandon, sed ankaŭ eksterlandaj samideanoj ageme kunlaboris laŭ tiu senco (°).

Je l'nomo de la Belga Ligo Esperantista, mi estas feliĉa esprimi al ili plej sinceran dankon.

Dum la jarperiodo 1910-1911 kvin novaj grupoj aliĝis, kaj tri kunfandiĝis ; ilia nombro estas hodiaŭ 27.

Unu el la honoraj komitatanoj eksiĝis, aliflanke, unu nova membro estas elektita. La nombro do ne ŝanĝis.

Kursoj estis organizataj ĉe preskaŭ ĉiuj societoj kaj ĝenerale bone sukcesis.

Plezure ni konstatas ke, pli kaj pli, la publikaj estraroj subtenas Esperanton, ĉu permesante la uzadon de lernejoj, ĉu donante helpmonon. La gazetaro iĝas pli kaj pli favora al nia afero. Al ĉiuj ni esprimas nian tutkoran dankon.

La plimulto el vi ĉeestis la kongreson de Verviers kaj tiu de Brugo. Ili proprasperte povas juĝi pri la antaŭenirado de nia movado de kiam tiuj kunvenoj okazis. La nuna kongreso ankaŭ estos fruktodona kaj pligrandigos nian sukceson.

Laŭ la franca proverbo « kvieteco antaŭ la ventego » oni devas konsideri la agadojn de la pasinta periodo kiel preparadon al la granda okazontaĵo de la monato aŭgusto, la 7a internacia kongreso, kiu kunigos en Antverpeno la tutmondan samideanaron.

Post tiu granda elmontraĵo, ĉiu esperantisto devos, pli ol iam, sin dediĉi al vigla kaj nelacigebla propagando, memoriĝante la principon de nia kara Majstro, « semante kaj resemante » senĉese. Ni ne forgesu ke por sukcesi ni ne bezonas multnombrajn batalantojn ; ni ne perdu kuraĝon vidante kunlaborantojn kiu forlasas aŭ forlasos niajn vicojn ; ni restu sur nia posteno kaj pripensu ke nur kelkaj agemuloj kaj kuraĝuloj pli certe venkos ol granda nombro da personoj sen iniciativo kaj karaktero, kiuj forflugas kvazaŭ paseroj, kiam ili aŭdas la unuan pafadon.

Feliĉe, en niaj vicoj mankas nek agemuloj, nek kuraĝuloj ; ili kunigu siajn klopodojn kaj ne demetu la armilojn, kaj nepridubeble, al ni estos la venko, la triumfo ! *(Longaj aplaŭdoj)*

S-ro **L. Delvaux**, kasisto, sciigas pri la financa stato de la Ligo kaj legas la jenan raporton :

*Tre estimataj Geliganoj,*

Kiel kasisto de la Belga Ligo Esperantista, mi havas la honoron prezenti al vi la kutiman raporton pri la financa stato de nia Ligo.

Via estraro opiniis ke estas pli konvene starigi la bilancon je la fino de la pasinta monato ; tiamaniere vi povos pli facile juĝi pri la nuna stato de nia kaso.

(°) Inter ili estas ĉefe citindaj S-ro René Dubois kaj la bedaŭrata S-ro Fr. de Skeel-Giörling, kiun, la 28an de oktobro 1910, la morto forrabis al liaj multnombraj amikoj. Am.

Laŭ la lasta bilanco kiun vi aprobis, restis kiel profito la 15an de majo 1910 : 97 fr. 79. Sekve de diversaj enspezoj kaj elspezoj kies detalon mi ne povas doni al vi ne retenante tro longtempe vian afablan atenton, restis en la kaso je la 31a de oktobro 1910, kiam mi austataŭis kiel kasiston S-ron Van Schoor : 34 fr. 53.

Jen, de tiu momento, la kalkulo de niaj enspezoj kaj elspezoj :

| **Enspezoj** | Fr. | c. | **Elspezoj** | Fr. | c. |
|---|---|---|---|---|---|
| En kaso je la 31a de oktobro 1910 | 34 | 53 | Korespondelspezoj | 41 | 06 |
| Grupaj kotizajoj | 140 | 00 | Kesto por rondiranta ekspozicioj | 16 | 00 |
| Disaj kotizajoj | 5 | 00 | Abono de revuoj por honoraj membroj | 40 | 00 |
| Soldo por Esperanto | 161 | 05 | Cirkuleroj pri la IIIa belga kongreso | 9 | 00 |
| | 340 | 58 | | 96 | 06 |

*Bilanco*

Enspezoj : fr. 340,58
Elspezoj : fr. 96,06

Profito : fr. **244,52**

Mi permesas al mi voki vian atenton sur tiun ĉi fakton : la kotizajoj por la nuna societa jaro donis al ni nur 140 fr., dum la Soldo por Esperanto produktis dum sep monatoj : 161 fr. 05. Estas tamen konfesinde ke gravan parton de tiu sumo ni ŝuldas al la Antverpenaj policanoj kiuj, ĝis nun, kolektis 60 fr. Mi certe plenumos vian deziron kore dankante ilin je via nomo pro ilia malavareco kaj ilia sindonemeco al Esperanto. (*Aplaŭdoj*)

Ni ĉiuj, anoj de diversaj grupoj, imitu tiun belan ekzemplon kaj baldaŭ pligrandiĝos la plibonigo kiun ni jam konstatas en nia mona situacio. (*Aplaŭdoj*)

S-ro **K. Babilon** (Boom) konstatas, ke la nombro de la aliĝintaj grupoj ne sufiĉe progresas pro manko de propagando, kaj ke tiu propagando estas haltigata pro manko de financaj rimedoj. La nombro de la esperantistaj societoj devus kreski ĝis 50 post 3, kaj ĝis 100 post 5 jaroj.

Li pruvas, ke, kompare kun aliaj landoj, nia financa stato estas tute humiliganta ; nia malgrasa budĝeto eĉ ne atingas 150 frankojn. Pligrandigi la kotizaĵojn de la grupoj ne estas eble, ankaŭ malfacile estas trovi la financan helpon de riĉaj personoj. Tial li insiste vokas la atenton de la kongresanoj sur la « Soldon por Esperanto », plej efikan kaj facilan rimedon por savi la situacion.

Li diras esence :

« Ni nur supozu ke en Belgujo ekzistas 20 viglaj grupoj, ke 16 personoj ĉeestas meznombre la kunvenojn kaj ke oni kolektu ĉiusemajne 80 centimojn (16 soldojn), tio estos po 40 kunsidoj ĉiujare 32 frankoj, kaj por la tuta lando 32 fr. × 20 = 64 frankoj !

» Kiu esperantisto ne pagos bonkore unu soldon ĉiusemajne por subteni la movadon al kiu ĉiuj sin dedicas ! Cetere tiu soldo ne senteble malriĉigos iun !

» Se oni aldonas al la sumo da 640 frankoj la monan kolekteblan dum nia nacia kongreso, dum grupaj festoj kaj festenoj kaj la kotizajoj postulataj laŭ la regularo de la Ligo, oni senpene kunigos pli ol 900 frankojn.

» Kaj oni bonvolu rimarki ke la kalkulo estas farita laŭ la minimumo da konjektoj, kaj krome, ke tuj kiam pli favora financa stato tion ebligos, oni starigos novajn grupojn, kiuj, siavice, subtenos la « Soldon ».

» Tiamaniere, iom post iom grava kapitalo estos kunigata, kaj la ekzistado de la Ligo estos definitive garantiata kontraŭ ĉiu eventuala financa danĝero ».

La parolado de S-ro Babilon naskas grandan impreson inter la kunsidantaro. Kolekto, farita de F-ino M. Posenaer, produktas 35 frankojn.

S-ro **L. Champy** legas, je l' nomo de S-ro **A. J. Witteryck**, malebligata por ĉeesti la kongreson, la jenan raporton rilate al la lasta ekzameno pri profesora kapableco :

*Estimataj Gesinjoroj,*

Mi havas la honoron prezenti al vi malgrandan raporton rilate al la ekzameno pri profesora kapableco, okazinta en Gento la 4an de decembro 1910.

La membroj de la juĝantaro estis S-roj Witteryck, Swagers kaj D-ro W. Van der Biest.

La skriba ekzameno konsistis el :

A. — Traduko en Esperanton : Pri la kongresoj de Kopenhago kaj Augsburg : (15 linioj).

B. — Traduko en nacian lingvon : vojaĝo de New-York al Washington.

C. — Letero : Rekomendu al eksterlanda samideano ĉeesti la Sepan Internacian Kongreson en Antverpeno.

La parola ekzameno enhavis la jenon :

A. — Legado : Hendrik Conscience : demandaro pri la teksto kaj pri la gramatikaj malfacilaĵoj.

B. — Instruado : Du prefiksoj kaj tri sufiksoj.

Ses kandidatoj sin prezentis kaj ĉiuj meritis la diplomon :

F-inoj Anna Boedt kaj Yvonne Thooris el Brugo;

S-oj Albert Maertens kaj Henri Petiau el Gento, Michel Sebruyns el St Amandsberg kaj Jules Barbe de Kneef, el Gentbrugge.

Mi tutkore gratulas la geakirintojn de l'diplomo kaj mi varme konsilas al ili daŭrigi fervore la propagandon kaj precipe la instruadon de la lingvo Esperanto. *(Aplaŭdoj)*

S-ro **Van der Biest Andelhof**, prezidanto, transdonas la diplomojn al la gelaŭreatoj, salutataj de la aklamoj de la tuta ĉeestantaro.

S-ro **F. Mathieux** (Bruselo), tre elokvente pritraktas la temon « Portu ĉiam la verdan stelon ! » Diversfoje la aplaŭdoj de la kunsidantaro interrompas lian belan paroladon, kiu, pro manko de loko, ne povas esti presata en la nunan numeron. Ĝi aperos la proksiman monaton.

**La Prezidanto** proponas ke la komenco de la Liga jaro estu fiksata je la 15a de majo anstataŭ je la 15a de novembro, kaj ke konsekvence la jara kotizo estu intertempe duonigata dum 1910-1912.

S-ro **Delvaux** opinias, ke estos pli oportune komenci la jaron le 1an de majo ; la Prezidanto konsentas pri tiu malgranda ŝanĝo, kiu fine estas unuvoĉe akceptata.

La sekvanta punkto de la tagordo estas la baloto de ses komitatanoj, laŭ art. 7a de la regularo. S-roj Komandanto Dujar-

din (Brugo) kaj Swagers (Antverpeno) ne postulas la renovigon de sia mandato.

S-ro **Van der Biest-Andelhof** esprimas la deziron ke oni anstataŭu ilin per unu samideano el la flandra kaj unu el la valona parto de Belgujo, kaj proponas la kandidatecon de S-ro Maertens, el Gento.

S-ro **Maertens** dankas pro la honoro sed deklaras ke li ne povas akcepti. Por tamen doni pruvon de sia sindono al la Ligo, li enskribigas sin kiel bonfarantan membron kun jara kotizo da 20 frankoj. (*Aplaŭdoj*)

La kandidatecoj de S-roj **Parotte** (Verviers) kaj **Babilon** (Boom) ne estas kontraŭstaratataj, kaj fine estas elektataj S-roj Babilon (Boom), Champy (Antverpeno), Dupont (Beyne-Heusay), Parotte (Verviers), Pastro Richardson (Bruselo) kaj O. Van Schoor (Antverpeno).

La urbo Gento estas difinata kiel sidejo de la 4a kongreso.

S-ro **Van der Biest-Andelhof**, prezidanto, atentigas la kongresanojn pri la 7a internacia kongreso, kaj petas ilin tuj aliĝi.

Li rekomendas la publikiĝajojn de la Sepo kaj invitas la grupojn ke ili difinu oficialajn delegitojn, unu po 25 membroj, konforme kun la deziro esprimita de D-ro Zamenhof, kaj pri kiu oni povas legi detalojn en la junia numero de B. E.

S-ro **Schoofs** (Antverpeno) proponas ke, laŭ la ekzemplo de antaŭaj kongresoj, la belgaj esperantistoj prezentu donacon al D-ro Zamenhof, okaze de lia ĉeesto en Antverpeno. La propono de S-ro Schoofs estas favora akceptata, kaj la komitato de la Ligo prizorgos la kolektadon de la monoferoj.

S-ro **Van Schoor** (Antverpeno) konstatas, ke dum la kongresoj de Verviers kaj de Charleroi oni uzis, kiel nacian lingvon, nur la francan. En Brugo oni parolas ambaŭ belgajn idiomojn sed, protestmaniere pri la uzado de la flandra lingvo, Lieĝa samideano eldiris dum la festeno paroledeton valonlingvan. S-ro Van Schoor bedaŭras tiun agmanieron; ambaŭ lingvoj devas esti respektataj, se oni volas ke en la valona regiono de Belgujo la dua kongresa lingvo estu la franca, la flandra devas estis tiu en la flandraj provincoj. Ĉe la festeno tostoj en ambaŭ lingvoj devas esti permesataj.

Diversaj membroj vidigas al la parolinto la neeblecon nepre reguligi tiun punkton en la flandraj urboj, ĉar oni ne povas trudi difinitan lingvon al la aŭtoritatuloj, kun kiuj la esperantistoj devas interrilati.

Pri la valona paroladeto en Brugo la **Prezidanto** rimarkigas, ke ĝi okazis laŭ lia permeso kaj ke, persone, li trovis nenion ofendintan en ĝi.

S-ro **Parotte** deklaras, ke la valonlingva paroladeta havis nenian protestan karakteron kaj estis nur simpla fantazieto.

La certigas ke neniu valona samideano esprimis malkontentecon pri la uzado de la flandra lingvo en Brugo.

**La Prezidanto** petinte aldoni al la propono de S-ro Van Schoor la vortojn « laŭ ebleco », tiu ĉi insistas pri siaj argumentoj ; la diskutado fariĝas tre konfuza, diverssencaj bruadoj, kiuj evidente tre ĝenas la parolanton, aŭdiĝas, kaj S-ro Van Schoor rezignas la parolvicon.

Post kelkaj negravaj komunikaĵoj la kunsido estas fermata je la 1a ptm.

* * *

Tuj poste multaj samideanoj kuniĝas sur la ŝtuparo de la Juĝejo, kie S-ro De Ton, ano de la Karloreĝa grupo, fotografias ilin grupe.

La bildo tre bone sukcesis, kaj estas aĉetebla je l'prezo de 2 frankoj.

La kongresanoj trapromenas la urbon kaj eniras la internacian ekspozicion, malfermitan en Charleroi de kelkaj semajnoj. Bedaŭrinde la vizito de la belaj ĝardenoj estas malhelpata de terura kaj longdaŭra fulmotondro kaj konstanta pluvego.

* * *

Je la 5 1/2a la tradicia festeno, ĉeestata de pli ol 100 esperantistoj, okazas en la belega festsalono de la Borso.

S-ro Van der Biest-Andelhof ĝin prezidas. Je l'honortablo sidas dekstre de li S-roj Emile Devreux, urbestro de Charleroi ; Pastro Richardson, vicprezidanto kaj Champy, sekretario de la Belga Ligo Esperantista ; — maldekstre, S-roj de Wandre, Skabeno de la Publike Instruado ; L. Delvaux, prezidanto de la Karloreĝa Grupo ; Des Essarts kaj Verhoeven, ĉefredaktoroj de lokaj ĵurnaloj.

De la komenco regas gajeco kaj viveco ; inter la kunmanĝantoj estas multaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj, kies freŝaj voĉoj plej agrable miksiĝas en la harmonio de la esperantistaj kantoj.

Pro manko de loko mi ne povas enpresigi la tekston de la multnombraj tostoj, kiuj naskis inter la ĉeestantoj le plej grandan entuziasmon.

S-ro **Van der Biest-Andelhof**, kies parolado la kunmanĝantoj aŭskultas stare, trinkas je l' sana de Reĝo Alberto, de nia amata kaj gracia Reĝino Elizabeto, kaj de la tuta Reĝa familio ; estas decidate saluti telegrafe LianMajestan Moŝton ; — S-ro **Delvaux** dankas la Urbestraron pro ĝia simpatio al nia movado kaj trinkas je S-roj Devreux, urbestro, kaj Dewandre, skabeno, kiuj bonvolis ĉeesti la hodiaŭan festenon ; — S-ro **Devreux** aludas la malhelpaĵojn kiujn ĉiu nova ideo renkontas : se la ideo estas bona, ĝi fine venkos kaj oni povas tion certigi al Esperanto. La oratoro ĝojas pro la multnombreco

de la reprezentantinoj de la bela sekso, kaj rememorante D-ron Zamenhof, li salutas lin kiel grandan geniulon kaj bonfaranton de la homaro. Ĉiuj samideanoj ekstaras kaj ekkantas la himnon « L'Espero » ; — S-ro **Dewandre**, skabeno, vidigas la grandegan influon de Esperanto sur la internacian interkonsenton, kaj trinkas je l'sukceso de Esperanto, potenca helpilo por la atingo de la mondpaco ; — S-ro **A. Maertens**, direktoro de le Banko de Flandro kaj honora prezidanto de la Genta Grupo, proponas toston al S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la B. L. E. ; F-ino **Gabrielle Herickx** (Antverpeno) plej gracie respondas la toston de S-ro Devreux kaj certigas pri la konstanta, tutkora, sindona kunlaboro de la esperantistinoj ; — S-ro **L. Champy** alte taksas la grandvaloran kunhelpon de la gazetistaro al Esperanto, kaj trinkas je la ĉeestantaj ĵurnalistoj ; — S-ro **Verhoeven**, redaktoro de la *Gazette de Charleroi*, plej afable respondas la toston de S-ro Champy ; — S-ro **Wagner** trinkas je la eksterlandaj samideanoj F-ino Hogdson (Londono), S-ro Nix (Eastbourne) kaj S-ro Baez (Valencio) ; — S-ro **Baez** repondas ke inter samideanoj ĉiu esperantisto sin sentas hejme, kaj dankas la belgajn amikojn pro ilia tutkora akcepto ; S-ro **Van Schoor** laŭdas la lokan komitaton pro la bona organizado de la 3a kongreso, kiu plej sukcesplene plenumis tre malfacilan taskon ; — S-ro **Mathieux** trinkas je la sukceso de la 7a internacia kongreso kaj je l'sano de ĝiaj organizantoj.

Malgranda dankrespondo de la Prezidanto de « la Sepo por la Sepa » finas la serion de la tostoj. Reeksplodas la ĝenerala gajeco kaj oni disigas je la 9a, por pasigi la ceteron de la vespero en la ekspozicio, kie okazas bela arta fajraĵo kaj kie moviĝas densa kaj ĝoja amaso de vizitantoj.

* * *

La morgaŭan tagon la plimulto el la kongresanoj ekskursis en la ĉarma regiono de Thuin, laŭlonge de la meandroj de la Sambro, tra plej pentrinda pejzaĝo.

En Lobbes ili vizitis la originalan malnovan preĝejon de S-ta Ursmer, pri kies historio S-ro Philippens donis kelkajn tre interesajn detalojn ; post komuno tagmanĝo en Thuin la promenado daŭrigis, tra la arbaroj, ĝis la rava « Hermitage ».

Dum la antaŭvespero vagonaro rekondukis la ekskursantojn al Charleroi, kiŭn ili forlasis kontente kaj danke, pro la du feliĉaj tagoj kiujn ili tie pretervivis.

Ĝis agrablo revido, la venontan jaron, en Gento !

AMATUS.




Nur mallonga tempo disigas nin ankoraŭ de la Sepa Kongreso, al kies organizado ni jam multaj monatoj nin dediĉas. Multe estas jam efektivigita, sed multe estas ankoraŭ farota.

La nombro de la aliĝintoj ĝojige kreskas ĉiutage,sed ĉiuj,kiuj « intencas » partopreni en la kongreso, ne ankoraŭ enskribigis sin. Al ili ni ripetas la insistan alvokon, ke ili ne plu prokrastu aliĝi,por ne senutile kompliki nian laboron, alvenante lasthore.

— La honora komitato ricevis la aliĝon de la tuta Antverpena eminentularo : oficiroj, magistratoj, konsuloj, parlementanoj, juristoj, kuracistoj, ĉefoj el la alta komecistaro, prezidantoj de la unuarangaj societoj, superaj oficistoj, eminentuloj el la publika instruado k. t. p. Ne pridubeble la impreso kiun naskos la kongreso estos grandega.

— La kongresa insigno estos verda stelo kun la cifero 7, fiksita ĉe trikolora (belga) rubando : nigra-flava-ruĝa. La Antverpenaj gesamideanoj portos super la insigno blank-ruĝan kokardon (Antverpenaj koloroj).

— Kvankam dum la lasta tempo diversaj cirkonstancoj plipezigis la dejoron de la Antverpenaj policanoj,granda nombro da ili daŭrigis fidele ĉeesti sian priesperantan instruadon. Antaŭ kelkaj tagoj ili fotografiigis sin grupe ; la fotografaĵo estos eldonata kiel ilustrita poŝtkarto.

La Urbestraro aprobis elspezon de 200 frankoj por la aĉeto de vortaroj, kiuj, je l'fino de l'kurso, estos premie disdonataj al la esperantista policanaro.

— La traktadoj por la organizado de Ruĝ-krucaj manovroj ne ankoraŭ ricevis definitivan solvon. La urbestraro afable permesis disponi publikan placon ; espereble la cetero sekvos kaj la manovroj povos okazi.

—Ni okupas nin plej ageme pri la organizado de la festoj kaj akceptoj.Jam okazis la unuaj ĝeneralaj provripetadoj de «Kaatje». La kongresa Revuo, verkita de **Jan**, estos ludata de pli ol

100 geaktoroj kaj kantistoj ; la plimulto el ili estas esperantistoj el Antverpeno kaj ĝiaj antaŭurboj ; aliaj estas aliurbanoj, eĉ alilandanoj,el Boom,Brussel, Edinburgh, Burnley kaj Dresden.

La interpretontoj de « Devo de Reĝo » (originale verkita de **Nestor de Tière** kaj esperantigita de **Amatus**) estas S-ino **Carrew**, el Londono (*La Reĝino*) kaj S-ro **Alf. Van de Velde**, el Boom (*La Reĝo*).

Ĉiuj roloj de « Por kvietaj personoj » gis nun ne estas ankoraŭ difinitaj.

— Por la diservoj estas jam aranĝita la jeno :

*Dimanĉo, 20 aŭgusto*. Je la 8a matene, meso por la katolikaj esperantistoj en la Katedralo (kapelo de de S-ta Jozefo). Dum la meso okazos malgranda prediko kaj S-ta komunuiĝo.

Dum la Granda Meso, je la 10a matene, seĝoj estos rezervataj por la kongresanoj, kiuj tion deziros. Ili bonvolu sin turni al S-ro Pastro Richardson, 121, rue du Marais, Bruxelles (antaŭ la 10a de aŭgusto), ankaŭ pri ĉio kio koncernas la diservojn aŭ la kunvenojn de katolikoj.

Tuj post la Granda Meso, eliros la ĉiekonata jara procesio de la S-ta Virgulino,

*Dimanĉo, 27 aŭgusto*. Je la 10 1/2a matene, meso kun esperanta prediko kaj kantado de himnoj en Esperanto. La Diservo okazos en la Katedralo, kapelo de la S-ta Virgulino.

*Dimanĉo, 20 aŭgusto*. Je la 9 1/5 à matene, Diservo en la Protestanta preĝejo (Christuskirche), strato Bex, apud la Urba Parko.

*Dimanĉo, 27an de aŭgusto*. Je la 9a matene. Diservo en la Anglikana preĝejo, strato Grétry.

La predikontoj en la katoliko preĝejo ne ankoraŭ estas difinitaj ; en la « Christus kirche » predikos Ds W. A. Van Griethuysen, el Antverpeno ; en la Anglikano pregejo la Respektinda S-ro Cyp. Rust, el Soham.

— La laboroj de la loĝado komitato estas senhalte daŭrigataj. Ĝi faros ĉion eblan por kontentiĝi niajn bonvenajn gastojn, *sed ne povas garantii konvene zorgi por tiuj, kiuj enskribigos sin lasthore*. La kongresanoj, jam posedantoj sian provizoran kongreskarton kaj kiuj mendas loĝadon aŭ manĝadon estas petataj citi sian kongresan numeron kaj rememorigi sian plenan adreson. Por kovri la elspezojn la komitato postulos por si fiksan takson da 50 centimoj por ĉiu persono.

— La literatura konkurso tre bone sukcesis. Diversaj temoj estas pritraktitaj de pli ol 40 portoprenantoj.

— La estraro de la Reĝa Zoologio Societo konsentis la liberan eniron de la belega Zoologia Ĝardeno dum la tuta kongresa semajno al ĉiuj kongresanoj, kiuj estos pagintaj (en la

Akceptejo) *unu frankon* al la loka komitato. Jen certe granda favoro : la unufoja enirprezo estas fr. 1,25 fr. Estos nur postulate montri la specialan enirkarton kiun ili ricevos.

— De kelkaj tagoj la kongreslibro estas en la presejo. Ĝi estos bone prizorgita volumo kun multaj belaj ilustraĵoj. Ĉiuj kongresanoj ricevos ĝin senpage kaj ankaŭ la 6 numeroj de la kongresa gazeto ; por la ne kongresanoj la prezoj estos Sm. 1.500 kaj Sm. 0.400.

— **Atentu !** La oficiala monŝanĝisto de la kongreso estas S-ro **Edgard Selens**, 51, Vestingstraat (Rue des fortifications). Speciala oficejo en la akceptejo. Ĉekoj internaciaj. Ŝango de fremda mono.

— Al la ĝenerala programo de la kongreso ni dediĉas specialan rubrikon. Laŭbezone, ĝi ankoraŭ povas esti ŝanĝata.

LA SEPO LA SEPA:

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto ; **O. Van Schoor**, vicprezidanto ; **D-ro W. Van der Biest**, sekretario-kasisto ; **Maria Posenaer**, Leŭtenanto **Fr. Dupont, Louis Ritschie, Frans Schoofs.**

4. VII. 1911

---

# Programo de la Sepa internacia kongreso de Esperanto

## (Antverpeno, aŭgusto 1911)

### Oficiala parto

*Vendredo, 18.* — 2 h. ptm. Malfermo de la akceptejo.

*Sabato, 19.* — 9. h. matene. Malfermo de la ekspozicio. — 11. h. matene, Akcepto de D-ro Zamenhof en la Urbdomo. — 8 h. vespere. Koncerto de la « Vagabonda klubo ».

*Dimanĉo, 20.* — 8 h. vespere. Prezentado de **Devo De Reĝo, Por kvietaj personoj. Revuo de la Sepa.**

*Lundo, 21.* — 9 h. matene. Kunsidoj por elekto de naciaj delegitoj, kontrolado de povoj de la rajtigitaj delegitoj. — 3 h. posttagmeze. Oficiala malferma kunsido. — 8 h. vespere. Aŭdigo de flandraj kantoj.

*Mardo, 22.*—9 h. matene. Kunsido de rajtigitaj delegitoj.—3 h. posttagmeze Kunsido de la lingvo komitato.— 4 h. Internacia konsilantaro. — 8 h. vespere. Unua parto de la kongresanoj : Prezentado de « **kaatje**» Dua parto : Paroladoj, diversaj allogaĵoj.

*Merkredo, 23.* — 9 h. matene. Kunsido de rajtigitaj delegitoj. — 3 h. posttagmeze. Kunsido de la lingva komitato. — 4 h. Kunsido de la Scienca Asocio.— 8 h. vespere. Unua parto de la kongresanoj : Paroladoj, diversaj allogaĵoj. Dua parto : Prezentado de « **Kaatje** ».

*Ĵaŭdo, 24.* — 10 h. matene. Ĝenerala labora kunsido de la kongreso. — 3 h. postagmeze. Disdono de premioj de la literatura konkurso.

*Vendredo, 25,* — 9 h. vespere. Balo.

*Sabato, 26.* — 10 h. matene. Ferma plena kunsido de la kongreso. 7 h. vespere. Festeno.

*Dimanĉo, 27.* — Libera tago,

**Ne oficiala parto.**

*Dimanĉo, 20.* — Diservoj.

Procesio de la kongresanoj, al la domo de la sekretario-kasisto, kien ili iros por preni la esperantistan staidardon kaj ĝin porti al la kongresejo.

*Mardo, 22.* — 3 h. postagmeze kaj 8 h. vespere, koncertoj en la Zoologia ĝardeno. — Vizito de la urbo, laŭvolaj privataj kunsidoj. — Postagmeze, Ekskurso sur la Skeldo.

*Merkredo, 23.* — Vizito de la urbo, laŭvolaj privataj kunsidoj.

*Ĵaŭdo, 24.* — 11 h. matene. Privataj kunsidoj. — 8 h. vespere. Koncerto en la Zoologia Ĝardeno.

*Vendredo, 25.* — Matene kaj postagmeze. Privataj kunsidoj.

*Sabato, 26.* — 3 h. postagmeze. Malferma kunsido de la Universala Esperantista Asocio (U. E. A.)

*Dimanĉo, 27.* — Diservoj.

11 1/2 matene. Manovroj de la Ruĝo Kruco. — 3 h. postagmeze. Koncerto en la Zoologia ĝardeno. — 8 1/2 h. vespere. Same.

La postkongresa ekskurso komenciĝas je lundo, la 28an de aŭgusto.

La jena vojirplano estas akceptata.

*Lundo, 28.* — Vizito al Charleroi, noktelogado en Namur.

*Mardo, 29.* — Ekskurso al la grotoj de Han kaj al Dinant ; noktelogado en Lieĝo.

*Merkredo. 30.* — Vizito al Spa, promenado en Lieĝo, komuna vespermanĝo kaj koncerteto en Lieĝo.

*Ĵaŭdo, 31.* — Vizito al Ostendo kaj Brugo.

*Vendredo, 1 septembro.* — Vizito al Gento.

*Sabato, 2.* — Vizito al Bruselo ; alveno en Meĥleno (Mechelen, Malines) vespere por ĉeesti la mondfamon koncerton de sonorilaro ; — antaŭ noktmeze reveno en Antverpeno.

La U. E. A. organizos specialan karavanon.

Ĉiuj partoprenontoj en la ekskurso devos preni specialan fervojan kvintagan abonkarton, kies prezo estas fr. 11.75 (3a klaso) aŭ fr. 20.50 (2a klaso). Ili devas prezenti al la fervoja oficejo fotografaĵon (6×4) ; la kapo almenaŭ 1 ctm. alta.

Plej profite eble estos por multaj kongresanoj venantaj el Germanujo kaj Francujo aĉeti dekvintagan abonkarton (fr. 23.50 kaj fr. 41). Sufiĉas fari ĝustatempe la peton al la estro de la limstacio, aldoni la portreton kaj sciigi al li kiun tagon kaj horon oni alvenas ; la karto estos preta kaj havos tujan valoron, kaj la vojaĝo estos pagita, kien ajn oni volas veturi en Belgujo. Garantio de 5 frankoj estos postulata ; ĝi estos repagata je l'fino de l'vojaĝo.

———

## Nomaro de la kongresanoj aliĝintaj antaŭ la 4a de julio 1911

889. Cameron, P. J., registara oficisto, 31, Cheyne Row, Chelsea, S. W., London (Angl.)
890. Willis, Frederick Charles, studento, OrchardHouse, Tewkesbury »
891. D-ro Koposov, Vasili, kuracisto, Simbirsk (Rus.)
892. Spethmann, Wilhelm, komercisto, 2, Sidonienstr., Braunschweig (Germ.)
893. Ellersiek, Friedrich, redaktoro de « Germana Esperantisto », 46, Wissmannstrasse, Berlin (Germ.)
844. S-ino Goedecke, rentulino, 2, Starnbergerstr., W., » «
895. D-ro Goedecke, eksiĝinta refendario, » » » »
896. F-ino Lindecke, Bertha, fervoja oficistino, 5, am Nordhafen, » »
897. Burnett, Ernest John, pastro, Norfolk Street, « West View », Worthing (Angl.)
898. S-ino Burnett, » » » » »
899. F-ino Peach, Kezia, » » » » »
900. F-ino Bevel, Alice, 23, Arenbergstraat, Antwerpen (Belg.)
901. O' Connell, Maurice, pastro, House of Missions, Enniscorthy (Wexford Irl.)
902. D-ro Ghez, Arturo, leĝa doktoro, Via del Boschetto, 13III, Trieste (Aŭstr.)
903. Tarrago, Manuel, Travesia de San Antonio, 17, 2, 1, Barcelona-Gracia (Katal.-Hisp.)
904. Aleman Ruiz, Antono, doktoro en politiko juroscienco, Apartado 1324, Habana (Kuba)
905. F-ino Bone, Ethel Mary, stenografistino, 89 Castlewood Road, Stamford Hill, London (Angl.)
906. F-ino Bone, Harriett Emily, ĉefa stenografistino, Castlewood Road, 89, Stamford Hill, London »
907. F-ino Taylor, Mary, ĉefa stenografiistino, 56, Chancery Lane, » »
908. S-ino Roberts, 8, Oak Mount, Todmorden (Yorksh.) »
909. S-ino Lee, 175, Princess Rood, Moss Side, Manchester »
910. Crowter, Harold, 8, Oak Mount, Todmorden (Yorksh.) »
911. F-ino Bird, Florence, instruistino, 16 Line Str., East-Kirkby (Nott.) »
912. Rogers, Thomas B., konstruisto, 20, Cemetery Road, » » »
913. Berney, John, inĝeniero, 31, Stratford Rd., WestBridgford » »
914. F-ino Grant, Ivy Alice, 207, Tufnell Park Road, N., London »
915. F-ino Grant, Lila Scott, » » » » »
916. Hadden, Arthur W. D., 118, PlumsteadRoad, Plumstead (Kent-Angl.)
917. Dennis, William H., 108, Eglinton Rd, S. E., » »
918. F-ino Dennis, Emilie M., » » » » »
919. Jayne, Ernest K., 22, Kinveachy Gardens, Old Charlton, London S. E. »
920. S-ino Jayne, » » » » » » » » »
921. Berlande, Arm. P., fervojisto, 4, rue Cottreau, Villeneuve St Georges, (S. & O., Fr.)
922. S-ino Dizier, 2, quai St Clair, Lyon (Franc.)
923. F-ino Dizier, » » » »
924. Widiez, 5, rue Jacques de Guise, Valenciennes (Nord) »
925. D-ro Vesoux, kuracisto, 5, rue Poterne, Beaune (Côte d'Or) »
926. F-ino Regnaux, Jeanne Marie, Av. de Paris, Châlons s/S (S. & L.) »
927. Lees, Allan, oficisto de la Terkultura Oficejo, 24, Elm Road, Evesham (Worcestersh.-Angl.)
928. Cayeux, instruisto, 3, rue de la Prison, Rouen (S, Inf.-Franc.)
929. Devaux, Germaine, instruistino, 16, rue Maladrerie, » » »
930. Colé, Jules, instruisto, 43, rue Stanislas Girardin, » » »
931. Créchan, Georges, skribisto, 51, rue de la République, Sotteville-lez Rouen »

932. S-ino Créchan, 51, rue de la République, Sotteville-lez-Rouen (Franc)
933. Delacour, Henry, fervojisto, 134, rue Emile Zola, » » »
934. S ino Delacour, » » » » » »
935. F-ino Vénande, Fernande, 110, rue Léon Salva, » » »
936. Calinaud, Maurice, 268, rue de Paris, » » »
937. Neveu, studento, 81, rue Léon Salva, » » »
938. Robin, Jean, Baptiste, modelisto, 367, rue de Paris, » » »
939. Arondel, inspektoro, rue Raspail, » » »
940. Mesny, Maurice, farmisto, place de la Liberté, » » »
941. Guihon, fervojisto, 1. rue Godefroid Cavaignac, » » »
942. F-ino Marly, Paulette, 14, rue des Bahutiers, Bordeaux (Gir.) »
943. Beau, Benoit, profesoro, Route de Renaison,
Maison Rollin, Roanne (Loire) »
944. F-ino Raecke, Martha, 75III, Blumenstrasse, Dresden (Germ,)
945. D-ro Alexander, kuracisto, 25, Lingfield Avenue,
Kingston-on-Thames (Surrey–Angl.)
946. F-ino Marriott, Nellie, 81, Loscoe Road, Carrington, Nottingham »
947. Sipman, E. Emil, 18, Corporation Oaks, » »
948. Ranfleld, Wilfrid Walwyn, inĝeniera desegnisto, 22 Murray Rd.,
Ipswich »
949. F-ino Radfield, Dorothy Gertrude, stenografiistino, 67, Doddington Road,
Kensington Park, London (Angl.)
950. Hutrel, Georges, 91, avenue de Paris, Le Mans (Sarthe-Franc)
951. S-ino Hutrel, » » » » » »
952. Lesegretain, Georges, farmaciisto, 35, rue Joinville, Laval (Mayenne »
953. Karl, Georges, kolektisto de impostoj, Démuin par Domart (Somme »
954. F-ino Pulvers, Olga, 154, Dornacherstrasse, Basel (Svis.)
955. Herla, Julien, juĝeja bibliotekisto, rue Rogier, Verviers (Belg.)
956. S-ino Parotte, 13, rue Haute, » »
957. F-ino Dudeney, Dora, 108, St James Street, Brighton (Sussex-Angl.)
958. F-ino Eklund, Edla M., 9, West Drive, Queen's Park,» » »
959. Moody, Richard Henry, inĝeniero, Cross Lane, Fearney near Leeds »
860. Woolgar, Herbert, komizo, 58, Worting Road, Basingstoke »
961. Jenkins, Frank, maŝinforĝisto, 15, Gladstone Street. Portsmouth »
962. Westgate, Charles, maŝinforĝisto, 12, Bettesworth Rd., » »
963. Smith, Lionel Victor, komizo, 2, Furlong Road, Gloucester, »
964. Smith, Georges James, » » » » »
965. Westmancote, William Frank, poŝtisto, Fernville, Langdon Rd.,
Cheltenham (Gloucestersh.- »
966. Uttley, William, ŝipkomizo, 18 Fountain Street, Hull (Yorksh.- »
967. Hodson, John, Victoria Road, Lockwood, Huddersfield »
968. Jones, Joe E., 38, Station Str., Swinton near Rothersham (Yorksh.- »
969. D-ro Jones, J., Howarth Cross, Leigh (Lancash.- »
970. Westwater, James, 5, Wensley Terrace, Blyth (Northumberl.- »
971. S-ino Westwater, » » » » » »
972. Westwater, filo, » » » » »
973. Brittain, J. W. 5, Bon Lea Terrace, Thornsby-on-Tees (Durh.— » )
974. Wright, Isaac H., inĝeniero, Bonven Duston, Northampton »
975. Maiden, 46, Belford Street, Burnley (Lancash.— » )
976. F-ino Singleton, 9, Grey Street, » » »
977. F-ino Büche, Louisa, rentulino, Lutry (Vaud-Svis.)
978. F-ino Grave, Paula, kontoristino, 4, Odensegade, Köbenhavn (Dan.)
979. F-ino Melchior, Agnes, koncertkantistino, 41, Frederiksborggade,
Köbenhavn (Dan.)
980. F-ino Josefson, Helmi, 15-17 G.la Kungsholmsbrogatan,
Stockholm (Sved.)
981. Sevenhuysen, J. W., lernejestro, Geel Voldgracht, Haarlem (Hol.)
982. Cervos, José, meblisto, 94, rue de Charonne, Paris (Franc.)

983. F-ino Thompson, Sarah, The Café, Coleraine (Irl.)
984. F-ino Laing, Alice, instruistino, 15, Strathfillan Road, Edinburgh (Skotl.)
985. Macgregor Charles T., instruisto, 19, Briarbank Terrace, Edinburgh (Skotl.)
986. S-ino de Montoro, 17, Newton Street, Glasgow »
987. Kennedy, David, 134, Ingleby Drive, » »
988. Liston, Robert G., ĉe S ino Rae, 5, Ruthven Street, » »
989. Hall, William R., bankisto, Birkfell, Helensburgh »
990. S-ino Greenhalgh, « Caresford », Barker Rd , Linthorpe, Middlesbro (Yorksh. — Angl.)
991. F-ino Warne, Ada, « Caresford », Barker Rd., Linthorpe, Middlesbro (Yorksh. — Angl.)
992. Rhodes, Joseph, gazetisto, 54, Drewry Terrace, Keighley, » »
993. S-ino Rhodes, » » » » »
994. Rhodes, Frank C., terkarbvendisto, 21, Ashville Terrace, Oakworth »
995. S-ino Rhodes, » » » »
996. F-ino Hartley, M , ĉe S-ro Rhodes, » » » »
997. Clark, W., leĝisto, Broughton-in-Farness (Lancash. »
998. Lewis, Gabriel Dawson, komercisto, 5, Fenwickstr., Liverpool »
999. Sholl, Victor, tabakvendisto, 14, Milkwood Rd., 14, Herne Hall, London »
1000. Evans, Albert Edward, komerca vojaĝisto, 8, Bolan Street, Battersea » »
1001. S-ino Evans, » » » » » »
1002. Evans, filo, » » » » » »
1003. Evans, filo, » » » » » »
1004. F-ino Ward, Florence, Marlborough Honse, Bexhill-on-Sea (Sussex) »
1005. Ibberson, Charles Bernard, 49, Chapelfield Rd., Norwich (Norfolk) »
1006. Forst, Lewis C. 11 Matlock Road, » » »
1007. Calvert, John-Albert, arĥitekto, 115, Legrams' Lane, Bradford, (Yorksh.)»
1008, Voltz, Théophile, komercisto, 24, rue Octave Feuillet, Paris (Franc.)
1009. S-ino Voltz, » » » » »
1000. F-ino Monsinjon, 16, rue Pasteur, Cosne-sur-Loire (Nièvre) »
1011. Courtot, veturilluigisto, 73, rue d'Angleterre, Lille (Nord) »
1012. S ino Courtot, » » » » »
1013. F-ino Barbin, Marie, rue de l'Ourvière, Le Lion d'Angers (Maine & L.) »
1014. Küster, Karl, bankoficisto, 2, Roonstrasse, Halberstadt (Germ.)
1015. Schack de Brockdorff, Fred., konsulo de Danujo, Venusstr., 17, Antwerpen (Belg.)
1016. *Esperantista grupo de Koŝinĥinujo* Saïgon (Koŝinĥin.)
1017. S-ino Spero, Box 99, Pretoria (Transv.)
1018. F-ino Bresch, Elizabeth, Tolkewitzerstr., 20, Dresden (Germ.)
1019. S ino Loret, instruistino, avenue Didier, Gagny (Franc )
1020. S-ro D-ro Szokolay, Lud., advokato, Szechnenyi uteza, 10, Eger (Hung.)
1021. S-ino Rasmussen, vicinspektorino, Amager Falledvej, Köbenhavn (Dan )
1022. F-ino Jargensen, A., ekspedistino, Ottergade, 58, » »
1023. F-ino Smith, Nanna, vicinspektorino, Tietgensgade, 74, » »
1024. Cotton, Aimé, Unniv. Profesoro, rue d'Ulm, 45, Paris (Franc.)
1025. Mouton, H., Laborejestro, rue Mathurin Régnier, » »
1026. F-ino Bicknell, L., Lincoln Hatch, Burnham (Angl.)
1027. F-ino Johnston, T. instruistino, Tanfield Rd, 33, Croydon »
1028. F-ino Snell, instruistino, Edrigde Rd, 119, » »
1029. Frapillon, Alf., pensiita kolonelo, Lantenay (Franc.)

1030. Westphal, Max, oficisto, Pestalozzistrasse, Stettin (Germ.)
1031. F-ino Toldt, Marianne, Brockmannsgasse, 18, Graz (Aŭstr.)
1032. Seidlich, H., stacikasisto, Frauengasse, 15, B. Leipa »
1033. Hanisch, F., komercisto, Marktplatz, 29, » »
1034. S-ino Hanisch, » » » »
1035. Stojer, Penko, banka agento, Trojan (Bulg.)
1036. Knoke, Otto, sekretario, Yorkstrasse, 14, Hannover (Germ.)
1037. Petzold, A., fervoja asistanto, Königstrasse, 4III, Leipzig »
1038. F-ino Fenscky, A., Kochstrasse, 54, » »
1039. S-ro Schneider, P., librotenisto, Zentralstrasse, 13 » »
1040. F-ino Jacobi, Gertrude, Theresenstrasse, 7, Chemnitz »
1041. F-inoPetri, F., instrustino, König Alberstrasse, 16 Dresden »
1042. S-ro Oertel, A., oficisto, Gerberstrasse, 7, Plauen »
1043. F-ino Sebus, H., Victor Driessensstraat, 23, Antwerpen (Belg.)
1044. S-ro Andreassian A., profesoro, Les Mouettes, Lausanne (Svis.)
1045. S-ino Andreassian, » » »
1046. S-ino de Bouzian, » » »
1047. S-ro Maire, G., rentulo, » » »
1048. S-ro Wait, Karl, studento, » » »
1049. F-ino Frew, Helen, The Glen, Limestone Rd, Belfast (Irl.)
1050. F-ino Gilmons, Mary, Salmond Place, 3, Edinburgh (Skot.)
1051. F-ino Johnson, Cath., 14, Pitt St, Portobello, » »
1052. S-ro Chalmers, W. S., Fullarton Street, 6, Kilmarnock »
1053. F-ino Cowie, M. A. Lynwood Western Avenue, Perth »
1054. S-ro Holmes, J. T., lankombisto, 29, Norman Drive, Bradford (Angl.)
1055. S-ino » » » »
1056. F-ino Taylor, Ethel, instruistino, 20, Granville Rd., » »
1057. S-ino Gee, E. vestfaristino, 12, Carlish Terrace, » »
1058. F-ino Thronp, A. G. 29, Norman Drive, » »
1059. S-ro Bakewell, Tom, ŝtrumpvendisto, 180, Denmanstrasse Nottingham »
1060. S-ro Akerman, H. D. stenografiisto, 112, Marlborough Rd., London »
1061. F-ino Mikkelsen, A., instruistino, 10A4, Reberbanegade, København (Dan.)
1062. S-ro D-ro Fodor, Jeni, praktikanto de l' tribunalo, Bem utza, 13a, Temesvar (Hungar.)
1063. S-ro Seigneur, Charles, oficisto, 109, rue St Jacques, Amiens (Franc.)
1064. S-ro Marteaux, profesoro ĉe la liceo, » » Annecy »
1065. S-ro Boucon, » » » » »
1066. S-ro Muflang, H., 19 rue du Fresne, Angers »
1067. F-ino Holt, Lillian, Döberkitz bei Göda, (Post Banzen) Sakenjo (German.)
1068. S-ro Hunger, Reinhold, Frankenberg Saks »
1069. F-ino Simpon, Christie C., Stevenson Drive, 106, Shawlands Glasgow (Skot.)
1070. F-ino Hanbury, F.H. The Chalet, Fulham Park Rd, London S.W. (Angl.)
1071. S-ro Grix, Alf., meĥanikisto, 26, Tylerstr., Ipswich »
1072. S-ro Jolley, William, dentisto, 46, All Saints Rd, » »

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de Belga Esperantisto » 25, Arendstraat (rue de l'Aigle). Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, kiuj enhavas artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO. — Suda Lumo**. — La 13an de majo tiu ĉi vigla grupo brile festis la duan datrevenon de sia fondo, organizante tre sukcesintan intiman feston, ĉeestitan de S-ro Jos. Buschmann, protektanta membro.

Trideko da anoj ambaŭseksaj, portantaj fiere la verdan stelon, partoprenis en ĝi.

La kunvenejo havis tre agrablan aspekton : granda lumiganta kvinpinta stelo ornamis la plafonon, kune kun multaj pli malgrandaj steloj — afable donacitaj de la kafejestro, S-ro Oct. Seurinckx, membro de la festanta societo. La tablo estis riĉe florgarnita ; antaŭ la belga flago estis metita bela blazonŝildo, donacita de S-ro Bon. de Wieuw ; oni ankaŭ admiris artplenan desegnaĵon verkitan de S-ro Jos. Derks, kaj rilatantan nian karan lingvon.

La festmanĝo estis plej bone prizorgata, kaj entuziasmaj tostoj ne mankis.

Al S-ro Buschmann oni prezentis belan koloritan plumdesegnaĵon de S-ro Jos. Derks, kun poeziaĵo elpensita de la prezidanto de « Verda Lumo », S-ro J. Willem Dollez.

Post parolado de la prezidanto, en kiu estis karakterizata la agadoj de la grupo kaj la fervora kunlaborado de ĝia estraro, konsistanta el S-roj Felix Van Gansen, Em. Bertels kaj Frans de Backer, kaj danka respondo de S-ro Em. Bertels al la Prezidanto, aŭdiĝis la gajaj kantoj de diversaj gemembroj, kiuj konservos plej agrablan rememoron pri la festa kunveno kaj ĉerpos el ĝi novan fervoron por prosperigi kaj antaŭenigi la societon « Suda Lumo ».

FRANSO.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

☞ Pro la gravaj sciigoj pri la 7a mondkongreso de Esperanto kaj la ampleksa raporto pri la nacia kongreso de Charleroi, nia gazeto ne aperas kun siaj kutimaj rubrikoj ; diversaj interesplenaj artikoloj, ankaŭ la bibliografia felietono, nur povos esti enpresataj post kelka tempo.

Niaj estimataj legantoj kaj niaj kunlaborantoj bonvolu nin senkulpigi pro tiu nevola prokrasto.

REDAKCIO DE BELGA ESPERANTISTO.

— **Esperanto-Oficejo**. La samideano AUGUST OMLOR (S-t Ingbert, Germanujo) malfermis Esperanto-Oficejon. Li donas ĉiuspecajn informojn pri Esperanto k. t. p. Li prizorgas ankaŭ ĉiulandajn Esperanto-gekorespondantojn kaj petas siajn samideanojn alsendi sian adreson. La informojn k. t. p. li donos ĉiam senpage, se nur estas aldonita al la demandoj poŝtmarko aŭ kupono por la respondo. S-ro Omlor petas pri alsendo de katalogoj, broŝuroj, k. t. p.

— **Restado en Londono**. Esperantistino deziras akcepti kelkajn pagantajn gegastojn en sia hejmo, en bela antaŭurbo de Londono. Oni parolas Esperante kaj France. Prezo 17 Sh., 50 semajne. Sin turni al la eldonanto de B. E., 45, kleine Beerstraat, Antwerpen (45, rue de la Petite Ourse, Anvers

— **Deziras korespondi** :

S-ro Kőrösi Ferenc L. V. St., U. E. A., Debreczen (Hungarujo) Zöldfa u. 6, nepre kun belgaj fraŭlinoj, per ilustritaj poŝtkartoj ;

S-ro André Verot, 45, rue Legrand d'Aussy, Amiens (Somme-Fr.), kun Antverpena esperantisto ;

S-ro Franz Rohrig, Abtsgäschen, 11, Frankfurt a/M, Süd., per ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro Louis Maillet, Riorges (Loire-France) per poŝtkarto, kun Antverpena samideano :

S-ro Emerich Varga, Varkerület, 56, Sopron (Hungarujo), per ilustrataj poŝtkartoj ;

F-ino Marguerite Leheĉka Rakosliget X, utcq Z. (Huongarujo) kun Antverpenaj gesamideanoj ;

Petar popa R. Popovich,

S-ino Plone popa R. Popovich,

F-ino Stane popa R. Popovich, ĉiuj el Danilovgrad, Donji Zagarač (Montenegro).

**Bona pensiono** kun hejma vivado estas prezentata de franca familio en Antverpeno al knabino ± 10 jara kiu, deziras perfektigi sian instruadon.

Por ĉiuj informoj oni bonvolu sin turni al S-ro **Van der Biest-Andelhof**, direktoro de « Belga Esperantisto ».

---

# LITERATURA FAKO

# POR KVIETAJ PERSONOJ

DE

## Emanuel VAN DRIESSCHE

UNUAKTA KOMEDIETO

---

**Emanuel Van Driessche** naskiĝis en Zele (Orienta Flandrujo) en la jaro 1824, kaj mortis en Ixelles, flandre : Elsene, apud Bruselo (1897).

Dum multaj jaroj li estis profesoro de flandra literaturo en la Reĝa Ateneo de Ixelles kaj en la Normalaj Lernejoj de Bruselo ; en Ixelles li estis skabeno de la Publika Instruado.

La verkaro de Van Driessche estas tre ampleksa. Li verkis poeziaĵojn, novelojn, paroladojn kaj ĉefe teatraĵojn. Liaj du plej famkonataj dramoj *De zoon des beuls* (La filo de l'ekzekutisto) kaj *Willem van Oranje* (Vilhelmo de Oranĝo) rikoltis grandan sukceson. Inter liaj multnombraj komedietoj estis tre ŝatata *Voor stille lieden* (Por kvietaj personoj) kiu estas reproduktata ĉi sube kaj kiu estos ludata de diversnaciaj geaktoroj dum la 7a kongreso.

— = —

*Simple meblita ĉambro ; pordoj en la fono, maldekstre kaj dekstre ; travidebla fenestro maldekstre en la fono ; skribilaro sur tablo en la antaŭa parto de l'ĉambro, dekstre.*

— = —

### Unua sceno

KNAP.

KNAP (*sola. Li envenas maldekstre, tenante en la mano afiŝeton, sur kiu estas grandlitere presita : Meblita ĉambro luebla por kvietaj personoj*). — Jen,bone kaj klare legeble:POR KVIETAJ PERSONOJ ! Ho, la ĝenemaj luantoj ne plu surprizos min... Por 12 mizeraj spesmiloj monate, ili enloĝas bele meblitan ĉambron, kuras kaj piedfrapas sur la ŝtuparo kvazaŭ kavaleria regimento ; — ili disputas, kantaĉas, batalas, bojas kvazaŭ diabloj, kaj la infanoj pioras, krias kaj blekas por krevigi la orelojn. Sed nun, POR KVIETAJ PERSONOJ ! Kaj tiun ĉi fojon mi estos speciale singarda. Junuloj tute ne povas konveni, mi havas... dek-okjaran filinon, kaj... la kato apud la muso... hm ! hm ! (*ĉe la pordo dekstre, kriante*) Lenjo ! Lenjo ! venu ĉi tien, infano mia. Mi senprokraste alfiksos mian afiŝeton ĉe la fenestron, kaj certe, la KVIETAJ PERSONOJ tuj venos (*li alfiksas la afiŝon, Lenjo aperas, dekstre*).

### Dua sceno

KNAP, LENJO

LENJO. — Cu vi vokis min, paĉjo ?

KNAP. - Jes, karulino,jes ! Vidu,jen afiŝo...., kiun mi alfiksis ĉe la fenestron.Rigardu la tekston: MEBLITA ĈAMBRO LUEBLA POR KVIETAJ PERSONOJ. Vi komprenas, ĉu ne, Lenjo ? Ni ja bezonas pacon en nia hejmo, kaj junuloj ĉefe estas bruemaj. Vi, Lenjo, estas juna, virta knabino, vi ankaŭ ne ŝatas bruon, ĉu ne ?

LENJO. — Sed, paĉjo, se vi tiom timas bruon, ne luu la ĉambron, ĝi nur donas al ni bagatelon.

KNAP. — Bagatelon, bagatelon ! Dek - du spesmilojn ĉiumonate ! Karulino mia, kiel estas eble, ke vi tiamaniere parolas ! Vi ja scias, ke krom tiu ĉi domo, mi nenion posedas.

LENJO. — Kaj du aliajn domojn, plie, multe da akcioj en via monŝranko.

KNAP. — Ust ! ust ! knabino ! Ne citinde, ne citinde ! (*aparte*). Kiam la infanoj scias, ke la patro estas riĉa, li estas duonruinita.

LENJO. — Kaj vi nur havas unu infanon, min, vian karan Lenjon. (*ameme*) Paĉjo, mi tute ne deziras esti tiel riĉa !

KNAP. — Sed mi devas prizorgi al vi doteton, ĉu ne, anĝelineto ? Nu, se mi de nun ekŝparas, vidu, post deko da jaroj — kaj tiam komenciĝos tempo por ekpensi pri edziniĝi — jes, kiel mi diras, post deko da jaroj, mi estus kolektinta rondan sumeton por mia kara Lenjo.

LENJO (*aparte*).—Post deko da jaroj... BonaDio !... eternaĵo !

KNAP. — Nu, kion vi respondas, Lenjo ? Ĉu via paĉjo ne ege vin amas ?

LENJO. — Certe, sed, paĉjo mia, por mi vi ne bezonas ŝpari tiom, kaj tute ne tiel longtempe.

KNAP. — Tamen, filino mia, tamen ! (*aparte*) Oni povas ŝin knedi kvazaŭ vakson. (*laŭte*) Kaj nun, Lenjo, bone ordigu ĉion, ĉar verŝajne baldaŭ kvietaj personoj venos por lupreni la ĉambron.

LENJO. — Jes, paĉjo. Vi estos kontenta.

KNAP. — Ŝi obeas, kvazaŭ ŝafideto. Ho ! mi certe sukcesos forigi la junulojn de ŝi, kaj, se ŝi atendos dek jarojn, ŝi certe estos tro prudenta por ankoraŭ edziniĝi.

**Tria sceno**

LENJO, poste HENRIKO

LENJO (*ordigante la ĉambron*). — Atendi dek jarojn antaŭ ol edziniĝi ! Mi estus griziĝinta pro ĉagreno, se mi devus resti disigita de Henriko. Sed kiamaniere ni iam akiros la permeson de la patro ! Jam de tri monatoj, de tri longaj monatoj ni varmege amas nin, kaj ni nur povas nin vidi elirante la preĝejon kaj interŝanĝi, preterire, kelkajn vortojn. (*Henriko aperas en la fono*) Jes, li devas riski la paŝon, ĝi kostu kiom ajn ; mi insiste instigos lin.

HENRIKO. — Jes, karulino, mi riskos la paŝon.

LENJO. — Kiel ! Henriko ! Vi, ĉi tie !

HENRIKO. — Prezentas sin bonega okazo. Jen : ĈAMBRO LUEBLA. Nu, mi luprenos la ĉambron, evidente, mi interrilatos kun S-ro Knap, kaj mi trovos la eblecon vin vidi kaj paroli kun vi... Ho, kia feliĉa ŝanco !

LENJO. — Ho, karega Henriĉjo ! Efektiviĝu tiu feliĉa ŝanco !

HENRIKO. — Ĝi povas, ĝi devas efektiviĝi.

LENJO. — Mi timas, ke mia patro ne konsentos ludoni la ĉambron al vi.

HENRIKO. — Por esti kun vi, Lenjo, mi ĉion volas provi ; nia disesto jam daŭras tro longe !

LENJO. — Ĉu do vi amas min tiel sincere, Henriko ?

HENRIKO. — Sen via amo, la vivo estus por mi ĉiama suferado. Vi estas mia idealo, la bildo, kiu senĉese ravas mian animon. Vin posedi kiel edzinon estus por mi la plej granda feliĉo sur la tero (*kiso*).

**Kvara sceno**

HENRIKO, LENJO, KNAP

KNAP (*aperas maldekstre, kun grandega surprizo*). — He ?

LENJO. — Mia patro !

HENRIKO. — Ne timu, Lenjo. (*paŭzo*)

KNAP (*kaptas dolĉe Lenjon je la brako, kaj puŝas ŝin en la ĉambron, maldekstren*). — Jen ! kaj ne revenu ĉi tien !...

LENJO (*elirante*). — Patro!... Ho, paĉjo... aŭskultu, paĉjo!

KNAP (*marŝante solene al la antaŭscenejo, aparte*). — Honto! Honto! Li kisis ŝin!

HENRIKO (*timeme*). — Permesu al mi, S-ro Knap, bonvole permesu...

KNAP (*iras al la fono de la scenejo, malfermas la pordon, kaj montras al Henriko la elirejon*).

HENRIKO. — Mi petegas vin, Sinjoro, permesu ke mi klarigu...

KNAP. — Kiu donis al vi, Sinjoro, la rajton por eniri mian domon?

HENRIKO. — Vi mem, Sinjoro!

KNAP. — Mi mem?

HENRIKO. — Certe, ĉe via fenestro estas anoncata ke tie ĉi estas luebla ĉambro... nu, mi venas por lupreni vian ĉambron.

KNAP. — Mia ĉambro estas efektive luebla, sed... POR KVIETAJ PERSONOJ! Kaj vi, kiu venas por delogi mian filinon, ne kuraĝos pretendi ke vi estas kvieta persono, mi supozas...

HENRIKO. — Tamen, S-ro Knap. Mi estas pacema kaj kvieta, kaj mi en nenia ajn maniero ĝenos vin.

KNAP (*aparte*). — Tiu junulo estas absolute freneza! (*li ree montras la pordon*) Sinjoro! mi petas! Eliru! kaj rapidege!

HENRIKO. — Pardonon, S-ro Knap, mi devas, mi volas paroli kun vi.

KNAP. — Vi do rifuzas forlasi mian domon?

HENRIKO. — Tute ne, S-ro Knap. Sed, mi petegas, aŭskultu min... mi devas interparoli kun vi pri gravaj aferoj.

KNAP (*aparte*). — Kiamaniere forigi tiun danĝeran viraĉon! Ho, trovite! Mi tuj kuros al la policestro. — (*ekiras*) Ne, ne, ne! Mi lasus lin intertempe sola kun Lenjo, ili eble denove (*simulas kison*)... La kato apud la muso! Hm! hm!

HENRIKO. — Aŭskultu, S-ro Knap, tio, kion mi deziras diri al vi, estas plej alte interesa.

KNAP (*aparte*). — Mi lasos lin paroli, kaj li baldaŭ laciĝos. (*eksidas, turnas la dorson al Henriko, li ŝajne ne aŭskultas; liaj gestoj esprimas lian senpaciencon*)

HENRIKO. — S-ro Knap, mia konduto estas tute neriproĉinda, kaj mi estas ido de tre honesta familio. Ne ankoraŭ plene dudek-unujara, mi jam okupas tre enviindan oficon en unu el la plej gravaj komercaj firmoj de Antverpeno. Mi amas vian filinon, S-ro Knap, kaj mi respektplene demandas vin, ĉu vi konsentas, ke ni geedziĝu?... (*Knap faras ĉiuspecajn nervozajn movojn kiuj esprimas lian malkontentecon, sed ne deturnas la kapon*) Ni amas nin de tri monatoj, kaj nia amo estas tiel sincera, tiel arda, ke ni ne plu longtempe povas vivi unu sen la alia... Se vi kontraŭstarus nian geedziĝon, ni iĝus la plej kompatindaj mortemuloj de la terglobo..via filino ekvelkus, mi, mi perdus mian saĝon.. mi memmortigus min! (*paŭzo*) Vi ne respondas, S-ro Knap; ho,

mi petegas, kompatu al ni... nur de vi dependas nia feliĉo. Vi devas plenumi sanktan devon, feliĉigi vian filinon, vian unikan infanon ! Konsideru, S-ro Knap, la grandan respondecon, kiu premas sur vin ; se ni ambaŭ, via kara infano kaj mi, ni pereus pro ĉagreno, vi estus kulpa pri nia morto, kaj vi estus responda pri tio antaŭ Dio. Ho diru, S-ro Knap, ĉu ne, vi konsentas ? Vi ne volos nin puŝi al la malespero, kaj vi permesos ke de nun, mi envenu vian domon por vidi la karan Lenjon kaj interparoli kun ŝi...

KNAP (*ekstarante kolere*). — Sufiĉas, Sinjoro, sufiĉas, mi diras. For de ĉi tie, kaj por ĉiam !... (*Li montras la malfermitan porton.*)

HENRIKO (*eliras, ĵetante kison al Lenjo, aperinta ĉe la maldekstra pordo*).

KNAP. — Fine la fripono estas for ! La diablo zorgu ke li ne venos denove. (*ekvidante Lenjon*) Ho, jen mia malspritulino ! Mi serioze admonos ŝin. (*li kaptas ŝin je la brako, kondukas ŝin malrapide sur la antaŭscenejon, kaj parolas kun emfaza soleno ĉe ŝia orelo*) Tiu juna fanfaronulo ne plus transpaŝos nian sojlon, kaj vi ne plu vidos la straton, tiamaniere finiĝos la komedio ! (*al la fono*)

LENJO. – Ho paĉjo ! Paĉjo mia ! Kara paĉjo mia !... Mi amas lin... Li estas...

KNAP. — Frivolaĵoj, frivolaĵoj... Kiel dirite, tiel farote, li restos ekstere, vi... interne (*for*).

LENJO (*sola*). - Ho, Dio mia ! Kia situacio ! Mia patro enfermos min, mi ne plu revidos Henrikon... mi estos la plej kompatinda knabino el la mondo !... (*bruo apud la fono*) Kion mi aŭdas ? (*rigardante*) Ho, estas mia patro kun fremdaj gesinjoroj ; eble ili venas por lupreni la ĉambron, do... estus pli bone ke mi foriru... (*for, maldekstren*)

**Kvina Sceno**

KNAP, KORUS, ELIZABETO

*Korus kaj Elizabeto estas strange vestitaj, kvazaŭ vojaĝantaj muzikantoj ; li portas valizon, ŝi, du gitarojn en ujoj : ilia sintenado estas fiera kaj emfaza.*

KNAP (*malantaŭ la dekoracio*). — Efektive,Gesinjoroj, la ĉambro estas luebla, tre vasta, riĉe meblita ĉambro. (*aparte*) Jen, Gemoŝtoj, io vere luksa, kaj ĉi apude estas tre komforta dormejo...

KORUS (*ĉirkaŭrigardante*). – Hm ! hm !... ne malbone, ne malbone.Sinjoro,ne malbone. — Kaj kion vi opinias,kara edzino ?

ELIZABETO (*samtone*). – Tre kontentige, mia bona Korus, kontentige...

KORUS.— Ĉu la ĉambro ne estas iom vulgara por ni, mia kara Elizabeto ?

ELIZABETO.— Pro manko de io pli bona, ĝi povas kontentigi nin, mia amata Korus.

KNAP (*aparte*). — Kiel ili estas afablaj kaj bonmanieraj ! Sendube, KVIETAJ PERSONOJ !

KORUS. — Kaj nun, estimata Sinjoro, diru al ni laŭ kiuj kondiĉoj ni povos lupreni la ĉambron.

KNAP. — La ĉefa kondiĉo estas, ke la ĉambro nur estas luebla al kvietaj personoj. Tion vi legis sur la afiŝo. Vidante vin, mi ne devas demandi, ĉu vi estas kvietaj personoj. Oni tuj rimarkas, ke vi perfekte tiun kondiĉon plenumas.

KORUS. — Vi estas tre afabla, Sinjoro. Kaj kiom estas, pomonate, la luprezo ?

KNAP. — Ĉar vi tre plaĉas al mi, la luprezo estas dek-du spesmiloj.

KORUS. — Ŝajnas al mi, ke ni ne devas marĉandi, ĉu ne, mia dolĉa Elizabeto ?

ELIZABETO. —Mi opinias,ke tio estas tre malmultekosta, mia kara Korus.

KORUS. — Ni akceptas, Sinjoro, kaj ni tuj enloĝos la ĉambron.

ELIZABETO. — Jes, Sinjoro, ni tuj enloĝiĝos.

KNAP. — Tre bone, Gesinjoroj, ĝi estu je via dispono. Sed... Gemoŝtoj sendube konas la kutimojn...

KORUS. — La kutimojn ?

KNAP. — Pri la pago...

ELIZABETO. — Trankviliĝu, Sinjoro, ni pagas malavare.

KORUS. — Ni pagas kontante, Sinjoro. Jen ! Donu al mi la kvitancon. (*li prenas monon el sia poŝo*)

KNAP (*skribante*).— Tutkoran dankon, Gesinjoroj, vi estas tre afablaj.

KORUS. — Jen la mono.

KNAP. — Kaj jen la kvitanco. (*foriras, maldekstren*)

**Sesa Sceno**

KORUS, ELIZABETO.

KORUS (*ridante*). — Kiu iam vidis ion similan ! (*senĝene*) Beto, vi sendube diris hodiaŭ duoblan preĝon, ĉu ne ? Tiom da feliĉo neniam falis sur nian kapon !

ELIZABETO. — Kiom da mono li donis al vi ?

KORUS. — Dudek spesmilojn ! Mi pagis dek-du por la ĉambro, restas do al ni ankoraŭ ok — kaj ni loĝas dum unu tuta monato kvazaŭ princoj !

ELIZABETO. Kaj kion postulis la sinjoro ?

KORUS. — Nur la jenon, ke li ĉiutage povu veni ĉe nin por ricevi muzikinstruadon de mi. (*Daŭrigota.*)